



# KELECO organo de Astura Esperanto - Asocio

n-ro 61 (2) MARTO - APRILO/88



**ESTRARO DE A.E.A.**

**Prezidanto: S-ro Santiago Mulas**
**Viceprezidanto: S-ro Adonis González**
**Sekretario: S-ro Julio Argüelles**
**Kontistino F-ino Mª Carmen Junco**
**Kasisto:**
**Bibliotekisto: S-ro J.M.Rguez. Felgueres**
**Gekomitatanoj:**
**F-ino Pilar Alonso**
**F-ino Mª Jesús F. Luiña**
**S-ro Luis Muñiz**
**S-ro Faustino Castaño**
**S-ro Antonio Román**

**ADRESO DE A.E.A.**

**Str. Enrique Cangas, 25**
**Telefono, 341918 33206 - GIJON**


- - - - - - - - -

ENHAVO




**La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de A.E.A. Pri la artikoloj do, respondecas la aŭtoroj mem.**
**Depósito legal n-ro 0/319/85**


## LA VOJO...

Nuntempe, kara leganto, estas tempo por, niaopinie, retrospektive trastudi nian ĵus pasintan UNUAN JARCENTON kaj el ĝi, analizante ĝisfunde ties travivitaĵojn, ĉerpi instruojn, lecionojn, por nia por-esperanta agado, kiu dum la DUA JARCENTO devas triumfigi nian lingvon. Tial ni devas trastude analizi la trovitajn barojn, samkiel la sukcesojn, kaj nepre eviti similajn fiaskojn kaj malhelpojn; sed, dece, serioze kaj konstante kaj ne deflankiĝante prezenti nian varon: ESPERANTON!

Kaj memoru ke, laŭ tekstas la Deklaracio prezentita de la 100-jara datreveno de la naskiĝo de nia majstro, d-ro L.L. Zamenhof, en Mainz la 5ª de Aŭgusto 1.958:

"Esperanto ne celas anstataŭigi la ekzistantajn naciajn lingvojn, sed forigi la lingvan ĥaoson en la internaciaj rilatoj servante al ĉiuj kiel neŭtrala instrumento de internacia komunikado."



"Ni semas kaj semas, neniam laciĝas,
pri l'tempoj estontaj pensante.
Cent semoj perdiĝas, mil semoj perdiĝas,
ni semas kaj semas konstante."

Do, antaŭen al la labor'!

ADONIS

# NIA ANTENO

Dum la unuaj ĉi-jaraj monatoj, bedaŭrinde, en la vivo de nia Asocio estas remarkebla nur ĝenerala apatio kaj granda inhibicio pri la Esperanto-movado, kio, niaopinie, grave endanĝerigas eĉ la pluekzistadon mem de nia Asocio kaj la progresigon mem de Esperanto en nia urbo kaj ties ĉirkaŭaĵoj. Do, oni energie kaj nepre devas reagi kontraŭ tia detrua sinteno fare de tiuj, kiuj eĉ kuraĝas ankoraŭ sin nomi Esperantistoj; sed tian konstruivan agadon kontraŭ tia skleroza apatia sinteno oni devas urĝe iniciati ne nur en nia Asocio, ĉar, laŭŝajne, tia detruiga sinteno konsistigas ĝeneralan difekton en la tuta Esperanto-movado, eĉ en nia Hispana Esperanto-Federacio.


En la foto sidanta estas S-ro James Fonseca

Do, kiel elstariga citenda novaĵo, ni disponas nur je la honoro kiun ni ricevis per la ĉiusemajnaj vizitoj, kiujn al nia sidejo realiĝis usona samideano, nome: James Fonseca, el urbeto "Thousand Oaks" ("Milkverkoj"), de Kalifornio, kiu en la Oveta Universitato estis studante kaj specialiĝis kiel "Profesoro de Hispana Lingvo", kio, cetere, ja estas lia tasko en "Milkverkoj". Ni kore lin dankas pro la agrablaj momentoj, kiujn li al ni havigis dum siaj, bedaŭrinde mallongaj, vizitoj, dum kiu li vigle kaj lerte paroladis Esperanton.

ADONIS

ORNAMU VIAN LIBROŜRANKON KAJ PLIRIĈIGU VIAN BIBLIOTEKON PER "ASTURA BUKEDO". LA LIBRO, KIUN VI POVAS AĈETI ĈE NI. PREZO: 650 PESETOJ.




Estimataj gelegantoj:

Nia revuo revivigas la sekcion per kies titolo ni komencas ĉi tiun artikolon. En ĝi, ni reliefiĝos tiujn artikolojn, intervjuojn aŭ interparoladojn, kiuj, laŭ esperanta vidpunkto, estu interesaj por la Esperanto-movado. Hodiaŭ NI LEGIS EN... la revuo OOMOTO, Julio-Decembro 1987, tre interesan kaj gravan interparoladon okazinta dum la 72ª Universala Kongreso en Varsovio, inter la eminentaj "nepoj" Sro. Ludoviko Zaleski-Zamenhof kaj Sro. Kyotaro Deguchi.

Sed, estas pli bone ke vi legu kaj ĝuu ĝin.

Santjago



INTERPAROLADO

# Efektiviĝis tre unika interparolado de nepoj de L.L.Zamenhof kaj O.Deguchi en Varsovio.

——D-ro Ludoviko Zaleski-Zamenhof kun s-ro Kyotaro Deguchi——



D-ro L.Z. Zamenhof kaj s-ro K. Deguchi amike interŝanĝas la rakontetojn pri siaj avoj kaj la opiniojn pri Esperanto-movado k. s.

Tre unika interparolado efektiviĝis en la kadro de la 72a U. K., Varsovio. Temas pri la nepoj de d-ro L. L. Zamenhof kaj kunfondinto de Oomoto O. Deguchi, d-ro Ludoviko Zaleski-Zamenhof kaj s-ro Kyotaro Deguchi, kiuj tre amike interŝanĝis la rakontetojn pri siaj avoj kaj la opiniojn pri Esperanto-movado k. s., akceptinte apartan peton de nia redakcio. Ĝi komenciĝis je la 11 : 30 atm., la 28an de julio en la ĉambro de s-ro Deguchi ĉe la hotelo Victoria, kaj daŭris preskaŭ 2 horojn en familiara etoso. Kiel la observanto ĝin ĉeestis s-ro Teruo Macumoto, japan ĵurnalisto, loĝanta en Varsovio pli ol 25 jarojn.

## Oomoto estas 5 jarojn pli juna ol Esperanto

***Deguchi :*** D-ro Zamenhof, vi afable partoprenis en la bankedo de Oomoto por UEA-komitatanoj en la pasinta vendredo, okazigita en tiu ĉi hotelo.

***Zamenhof :*** Estis granda plezuro por mi. Mi ĵus alvenis de malfruiĝinta aviadilo kaj mi ĉeestis la finan parton de la bankedo, kiu efektive estis grandioza vespero por mi.

***Deguchi :*** Ni ĉiuj oomotanoj estis profunde kortuŝitaj pro tio, ke ni povis havi tian grandan gaston kiel vi.

***Zamenhof :*** Ne diru tion, ĉar mi estas ne granda gasto. Mi estis gasto honorigita per via invito. Verdire, mi ĉiam estas iom ĝenita, kiam oni diras al mi : "Vi estas granda gasto" pro tio, ke mi naskiĝis kiel nepo de granda homo Zamenhof.

***Deguchi :*** Oh, vi estas tiel modesta homo. Milfoje pardonpeton al vi. Cetere, ĉu vi scias ion rilate al Oomoto?

***Zamenhof :*** Mi devas konfesi, ke mi ne sciis pri

tio antaŭe. Sed, hieraŭ vespere, kaj hodiaŭ matene mi legis vian artikolon en la broŝureto, kiun mi ricevis dum la bankedo. Kaj mi komprenas, ke via movado estas same situanta inter la religioj kiel Esperanto inter la lingvoj. Mi pensas, ke troviĝas ia paraleleco inter la du movadoj.

***Deguchi :*** Mia avo Onisaburo Deguchi enkondukis Esperanton en Oomoton en la jaro 1923, ĝuste antaŭ 64 jaroj. Mi supozas, ke li tiam estis tute impresita de la ideo de d-ro Zamenhof.

***Zamenhof :*** De mia avo... Vi diras, ke via avo havis samajn ideojn kiel la mia.

***Deguchi :*** Jes, mi volas diri, ke Esperanto naskiĝis 5 jarojn pli frue ol Oomoto fondiĝis. Ĉar Oomoto fondiĝis en la jaro 1892.

***Zamenhof :*** Oh, ĝi estis ĝuste 5 jarojn poste.



D-ro Ludoviko Zaleski-Zamenhof.

Oomoto estas 5 jarojn pli juna ol Esperanto, ĉu ne?

***Deguchi :*** Tamen, mia praavino aŭtomate skribadis la sanktajn skribaĵojn, kvankam ŝi estis analfabeto ; iun tagon ŝi estiĝis en trancon kaj komencis skribi la revelacion inspirite el Dia Regno. En ili estis vortoj : "Homoj havu unu facile lerneblan lingvon." Tio estas la motivo por la enkonduko de Esperanto en Oomoton. Kaj ankaŭ Onisaburo Deguchi, kunfondinto de Oomoto mem sentis la necesecon havi komunan lingvon kiel la pontolingvon inter popoloj. Kaj poste renkontiĝinte kun Esperanto li konvinkiĝis, ke ĝi estas ĝuste la lingvo, kiun li serĉadis dum longa tempo.

***Zamenhof :*** Ĉu niaj avoj konis unu la alian?

***Deguchi :*** Ah... spirite jes, tamen ne konkrete. Ĉar, mia avo naskiĝis en 1871 kaj forpasis en 1948, kiam mi estis 12-jara.

***Zamenhof :*** Nun, la japana reĝimo estas tre paca. Mi komprenas grandegan evoluon en la spiritoj de japanoj, kiuj estas fervoraj homoj por la laboroj. Kiel antaŭe ilia fervoro orientiĝis al la milito, tiel nun al la laboro. Mi pensas, ke ĝi estas granda evoluo. Kiel mi konas miajn japanajn amikojn, ili faras ĉion kun elkora fervoro.

***Deguchi :*** Dankon pro via rakonto rilate al japanaj laboristoj. Tamen, estante japano mi estas konvinkita, ke japanoj devas pripensi, kiamaniere kontribui al la mondo. Efektive, post la milito kiel vi bone diris, japanoj laboras en la ekonómia mondo. Sed denun ni, japanoj, devas pripensi ne nur pri la ekonomiaj laboroj, sed ankaŭ pri kulturaj interŝanĝoj kaj similaj. En tiu senco ni okaziĝis la ekspoziciojn de artverkoj de Oomoto ekde la jaro 1972 unue ĉe la muzeo Cernuschi, Parizo. De Parizo ĝi travojaĝis tri jarojn kaj tri monatojn tra Eŭropo kaj Nord-Ameriko. Nu, ŝanĝante la temon, mi havas demadon, ĉu vi havas aktualan rememoron pri via avo?

***Zamenhof :*** Ne, ĉar mia avo mortis antaŭ ol mia naskiĝo, nome en la jaro 1917. Mi naskiĝis 8 jarojn post la morto de mia avo.

## Zamenhofaj familianoj perdis siajn vivojn pro Esperanto

***Deguchi :*** Vi multe aŭdis de via patro pri via avo, ĉu ne?

***Zamenhof :*** Kiel mi diru? Kion mi povus diri, ĉio estas jam pli bone skribita en diversaj biografioj de Privat, kiu persone konis lin. Ankaŭ estas tre bona libro de Marjorie Boulton, kiu dokumentiĝis bonege. Kiam mi estis infano, mi loĝis en la sama loĝejo, kie loĝis mia avo antaŭ lia morto. Do, estis la mebloj ankoraŭ la samaj, kaj la kabineto de mia patro estis tiu de mia avo. Cetere la tradicio ankoraŭ ekzistis. Eĉ en la manĝoĉambro staris la granda busto de mia avo kaj tie oni ofte parolis pri li. En tiu tempo mi estis 10-jara knabo, tamen, nuntempe mi pensas, ke li mortis tre juna, ĉar mi nun estas pli aĝa ol li.

***Macumoto :*** Vi nun estas 62-jara, ĉu ne?

***Zamenhof :*** Ĉu vi havas kaŝitan kalkulilon? (ridego)

***Deguchi :*** Kiom da fojoj vi partoprenis en la uni-

versalaj kongresoj?
***Zamenhof :*** Mi partoprenis la unuan kongreson en Stokholmo en 1934, kiam mi estis 9-jara knabo.
***Deguchi :*** Kiu kongreso estas la plej impresa el ili, kiujn vi mem partoprenis?
***Zamenhof :*** Certe, la unua kongreso en Stokholmo estis. La plej memorinda estis la kongreso en Italujo, 1935. Ĉar, ni havis grandan vojaĝon per trajno de Varsovio ĝis Napolo ktp.
***Deguchi :*** La jaro 1935 estis unu jaron antaŭ mia naskiĝo.
***Zamenhof :*** Ĉu jes? En la jaro 1936 mi partoprenis la Vienan kongreson, kiun ankaŭ partoprenis la sinjorino, kiu nun, tie ĉi alportis al mi la pligrandigitan belan fotografaĵon. En ĝi mi sidas inter mia patro kaj la sinjoro, kiu poste fondis la muzeon de Esperanto en Vieno. Tiu ĉi foto rememorigas al mi mian junan tempon.
***Macumoto :*** Se vi bone memoras, antaŭ la milito via domo staris ĝuste ĉe la Królewska strato, kie nun staras la hotelo Victoria. Tamen, via domo estis pli proksima al la parko Saski, ĉu ne?
***Zamenhof :*** Sed, estis aliflanke de la ĉefstrato Marszatkowska. Tamen, tiu domo ne plu ekzistas, ĉar ĝi estis bombita en septembro, 1939.
***Deguchi :*** Kie vi loĝis antaŭ la dua mondmilito?
***Zamehof :*** Ĝuste ĉe tiu ĉi strato. Kiam oni estas malgranda, oni konsideras ĉion, kio ĉirkaŭas ilin, ne movebla kaj eterna. Do, mia mondo estis en la loĝejo ĉe la strato Królewska. La fakto, ke tiu mondo brule malestiĝis, estis por mi, infano, la granda ŝoko. Kaj cetere, aliaj ŝokoj poste alvenis, ĉar mi perdis mian materian mondon en la fino de septembro, 1939. Komence de tiu oktobro mi trovis min sola pro tio, ke mia tuta familio estis enkarcerigita la kvaran tagon de germana okupado. Kiel mi diris antaŭ hieraŭ, kvankam Esperanto ne devas esti ia familia afero, tamen la familianoj estis persekutitaj kaj perdis la vivon pro Esperanto.
***Deguchi :*** Oh, jes. Esperanto havis malfeliĉan historion.
***Zamenhof :*** Jes, vi scias, kiam naziokupado komencis, la policoj venis al tiuj, kiuj estis konsiderataj, por esti kaptitaj. La nomo de Zamenhof estis sur ilia listo. Mia patro estis mobilizita kiel kapitano de la pola armejo. Li estis misiita komandi la malsanulejon, kie post la kapitulado, la germanoj arestis lin.
***Macumoto :*** Ĉar mi estas ĵurnalisto kaj konstante loĝas ĉi tie pli ol 20 jarojn, kaj mia edzino estas polino, mi kiel esperantisto fojfoje esploris, kia estis la sorto de viaj familianoj. Mi ofte vizitis ia instituton ĉe la placo Dzierzynski. Kaj tie mi trovis vian leteron en kiu vi petas, ke la nomo Zaleski estu legalizita. Tian leteron mi trovis.
***Zamenhof :*** Tio estis mia pseŭdonomo dum la milito, kaj mi estis jam konita sub tiu nomo.
***Macumoto :*** Mi ne scias, ĉu mi rajtas demandi al vi tian akran demandon, se temas pri Getto. Se vi ne ŝatas tiun temon, mi ne volas tuŝi ĝin.
***Zamenhof :*** Mi vere ne tre ŝatas paroli pri tiuj tempoj. Mi volas diri, ke la homa memoro estas selektema, kaj feliĉe, ĝi gardas multe pli bonajn ol malbonajn eventojn. Mi estis en tiu ĉi Varsovia getto dum du jaroj. Kaj mi vivis teruraĵojn. Sed, kiam oni estis juna, ĉio, kio ĉirkaŭas nin, aperas normala. Nu, kiam mi vidis francan filmon titolitan "Tempo de Getto" antaŭ 15 jaroj, kun multaj dokumentaj bildoj, ŝajnas al mi, ke tio neniam povis okazi. Ĉar, fakte mi elĵetis tiajn malbonajn


S-ro Kyotaro Deguchi

memorojn el mi. Mi dubis, ĉu mi vere travivis tian teruraĵon.

## Zamenhof deziris la necesan evoluon de Esperanto per naturaj vojoj

***Deguchi :*** Ĉu mi povas reveni al la tempo de la kongreso? Ĉar, ni nun partoprenas en la centjara jubilea kongreso. Kian impreson vi havas pri tiu ĉi kongreso?



**Zamenhof :** Dum multaj jaroj mi restis iom flanke de la movado.

**Deguchi :** Ankaŭ mi. (rido)

**Zamenhof :** Estis du aŭ tri kialoj : unue, mi estis tre okupita de mia profesia laboro ; due, mi ĉiam estis iom ĝenita de la sinteno de esperantistoj al mi. Ili ĉiam vidis en mi la nepon de d-ro Zamenhof.

**Deguchi :** Ankaŭ mi havas saman sperton.

**Zamenhof :** Kiam oni diras al mi : "Oh, kia honoro konatiĝi kun vi, kaj preni vian manon!", tio multe ĝenas min. Mi preferis havi miajn proprajn meritojn en mia profesia agado ; trie, mi ne ŝatus, ke oni konsideru mian eventualan agadon kiel familian aferon en Esperantujo. Pro tiuj kialoj mi estis iom flanke de Esperanto-movado, tamen, okaze de la centjara jubileo de Esperanto, estinte invitita de UEA, mi decidis partopreni ĝin. Ĉar ĝi estas la centjara jubileo de la unua publikigo de la unua libro de mia avo. Kaj efektive mi spertas plezuron ĉeesti inter kongresanoj ĉi tie. Ni ankaŭ konstatis kun plezuro, ke dum la lastaj jardekoj la movado moderniĝis. Nun, kiel Gorbachev modernigas la marksismon, d-ro Humphrey Tonkin modernigas la movadon de Espernto. Mi ne konis Humphrey Tonkin antaŭe ; mi konatiĝis kun li nur antaŭ du tagoj. Sed mi trovis lin elstara homo, kaj vere bonega gvidanto.

**Deguchi :** Ne nur lia personeco, sed ankaŭ lia strategio, kiamaniere disvastigi Esperanton, estas tre moderna kaj taŭga. Nu, kia estas via opinio rilate al la perspektivo de Esperanto?

**Zamenhof :** Mi ripete diru al vi, kion mi diris en la inaŭguro de la kongreso. Esperanto devas esti ne la lingvo por si mem ; Esperanto devas esti ĉiam konsiderata kiel la instrumento por vehikli la ideon. La fonto de Esperanto estas la homarana ideo, kaj Esperanto estas la ilo por faciligi homan interkomprenon. Eble ĝi ne estas unika ilo por atingi la celon de homaranismo. Nun ekzistas internaciaj kaj ceteraj naciaj lingvoj kiel la instrumentoj, sed nek unu el ili taŭgas por la tuta mondo. Angla aŭ usona lingvo estas subinternacia lingvo por Nord-Ameriko kaj Okcidenta Eŭropo. La dua tia lingvo estas la hispana, por tuta Sud-Ameriko, sed escepte de Brazilo. La tria tia lingvo estas la rusa en Orienta Eŭropo. Sed mi partoprenis antaŭ du monatoj la kongreson en Varna, Bulgario, kie la sola lingvo akceptita de organizintoj, esti ne la rusa, sed la angla. La kvara lingvo estas eble la franca por la parto de Afriko. Kaj la kvina estas la ĉina mandarena lingvo por kvarono de la tuta homaro. Sed inter tiuj grupoj ĉiam ekzistas lingvaj baroj. Certe estus bone, se iu neŭtrala lingvo helpus detrui tiun


Amikaj kaj respektplenaj

baron. Ĉu Esperanto povas esti reale efika instrumento por ĉiuj sciencaj kaj kulturaj interŝanĝoj? Mi pensas, ke jes, ĉar finfine la plejmulto de teknikaj kaj sciencaj vortoj estas la samaj en preskaŭ ĉiuj naciaj lingvoj. Se Esperanto reprenas tiujn vortojn el naciaj lingvoj, estas facile realigi sciencan lingvon. La internacia lingvo, kiu estis elpensita antaŭ cent jaroj, certe ne sufiĉos hodiaŭ kun siaj 900 radikoj. Sed la ideo estis krei lingvon la plej facilan. Tiuj 900 radikoj devas faciligi la lernadon de tiu lingvo kaj kredeble sufiĉas por ĉiutaga kompreniĝo. Sed, se ni volas pritrakti specialajn areojn, ni devas asimiligi aliajn vortojn.

**Deguchi :** Ĉu mi estas permesate prezenti al vi iom malfacilan demandon? Kiel vi supozas, se la


manpremoj de du nepoj : d-ro L.Z. Zamenhof kaj s-ro K. Deguchi.

kreinto de Esperanto, d-ro Zamenhof, rigardus tiun ĉi kongreson? Kian imperson li havus laŭ via imago?

***Zamenhof :*** Mi supozas, ke li estus feliĉa. Efektive, ne ĉiuj homoj parolas Esperanton en la mondo, sed certe li estus feliĉa, vidante la modernigan evoluon de Esperanto. Li iam esprimis la deziron, ke oni konsideru lin kiel la iniciatinton. Tio signifas, ke li havis la ideon de necesa evoluo de Esperanto per naturaj vojoj.

***Deguchi :*** Mi povas bone kompreni vian sperton, ke vi estis ĝenita de la sinteno de la homoj pro tio, ke vi estas nepo de d-ro Zamenhof. Ĉar ankaŭ mi havis similan sperton, kiam mi estis juna. Multaj homoj diris : "Vi estas nepo de Onisaburo Deguchi, kiu estis bruta kaj animala persono." Ĉar dum la Oomoto-afero nia tuta familio estis ege persekutata. Tamen, nuntempe nia situacio multe ŝanĝiĝis, kaj multaj diras : "Vi devas esti grandioza persono samkiel via avo." Tiuj diroj turmentis min.

## Arto estas la patrino de religio

***Zamenhof :*** Ni povas facile interkompreni tion. Nu, kiamaniere la Oomoto-movado estas konsiderata en Japanio?

***Deguchi :*** Post la dua mondmilito Oomoto multe laboris por rekonstrui la centron kaj organizon, ĉar okaze de la dua Oomoto-afero tiama registaro perfekte detruis la centron mem.

***Zamenhof :*** Kiam ĝi okazis?

***Deguchi :*** Ekde la jaro 1935 ĝis 1945. Dum 10 jaroj Oomoto-movado estis tute malpermesita en Japanio. Do, ni subtere klopodis havi kontaktojn unu kun la alia. Post la dua mondmilito Oomoto estis rekonstruata.

***Zamenhof :*** Pardonu. Mia demando estis, kiamaniere Oomoto-movado nun estas konsiderata ne de la registaro sed de la japana socio?

***Macumoto :*** Ĉu mi povas ion diri, kvankam mi ne estas oomotano.

***Zamenhof :*** Do, la demando estas al vi.

***Deguchi :*** Al mi ŝajnas, ke s-ro Macumoto estas la plej konvena homo por respondi al vi. Ĉar li estas ĵurnalisto trejnigita por observi la aferon laŭeble plej objektive. Aliflanke, mi nun estas en la sino de la Oomoto-tendaro, pro kio mi estas relative subjektiva por vidi Oomoton. Tial s-ron Macumoto mi petas.

***Macumoto :*** Jes, mi estas profesia ĵurnalisto, pro kio mi havas iom alian vidpunkton.

***Deguchi :*** Bone.

***Macumoto :*** Ĉe Oomoto mi vidas precipe tre interesan flankon : interreligia agado. Ĝenerale dirite, la kristanoj, budhanoj kaj aliaj religianoj estas iom tro konsciaj pri si men. Ekzemple, ili forte tenas siajn proprajn opiniojn : "Nia dikredo estas la plej bona. Se vi ne kredus nian religion, vi iros al infero." Tamen, estante ĉe Oomoto mi ne sentis tian inklinon. Ili tre alte taksas japanajn tradiciajn artojn kaj ilia doktrino diras, ke la arto estas patrino de religio. Tion mi alte taksas, tamen ĝenerale dirite, ilia kredo estas tro filozofia en tiu senco. Troviĝas multaj sektoj de religioj, kiuj diras : "Se vi kredas nian religion, vi estos sana. Se vi kredas nian religion, vi fariĝos riĉa aŭ vi ne havos problemon hejme." Sed, oni ne diras tion en Oomoto, ĉu ne?

**Zamenhof :** Ĉu la mezklasa japana publiko konsideras Oomoton kiel unu el la sektoj?

**Deguchi :** Jes, oni vidas Oomoton kiel unu el la sektoj de ŝintoismo, indiĝena japana religio, kiu tamen ne identas kun la imperiisma ŝintoismo.

**Zamenhof :** Mi komprenas, ke Oomoto-filozofio inkluzivas ĉiujn religiojn, ne nur la ŝintoisman, budhisman kaj kristanisman, sed ĝi prenas la plej bonan parton de ĉiuj religioj. Mi legis ekzemple : Oomoto estas nek monoteismo nek panteismo nek politeismo. Do, vi estas nek iu nek alia, sed vi inkluzivas ĉiujn.

**Deguchi :** En iu senco vi pravas diri, ke Oomoto estas sinkretismo. Oomoto neniam neas aliajn religiojn. En la doktrino de Oomoto troviĝas multaj instruoj influitaj de kristanismo, de budhismo kaj de aliaj. Sed, principe Oomoto estas ŝintoismo. Tiusence la publiko rigardas Oomoton kiel unu el la ŝintoaj sektoj.

**Zamenhof :** Mi pensas, ke la nesektaj ŝintoismoj estas la religio la plej larĝe sekvata en Japanio.

**Deguchi :** Antaŭ kaj dum la milito ŝintoismo estis nacia religio, sed la afero ŝanĝiĝis post la mondmilito. La religia agado fariĝis tute libera.



D-ro L.Z. Zamenhof estas varme bonvenigita de la kongresanoj en la inaŭguro de la 72a U.K.

## Oomoto rigardas homon kiel la filon de Dio.

**Zamenhof :** Kiamaniere Oomoto konsideras la ateistojn?

**Deguchi :** Sendepende ĉu ateisto aŭ teisto, Oomoto rigardas homon kiel filon de Dio. La homo estas la loĝejo de Dia spirito.

**Zamenhof :** Mi legis vian artikolon, ke Dio estas energio. Nu, la agnosko ĉie vidas la efekton de energio, ĉe la vivanta kaj ne vivanta objekto, do fine estos nur la diferenco en la lingvistiko. Oni povas nomi tiun ĉi ĉie ekzistantan elementon, energio aŭ Dio.

**Deguchi :** En iu senco vi pravas. Estas evidente, ke religioj ĝenerale estas klasigitaj en tri kategorioj : monoteismo, panteismo kaj politeismo. Unu el la originalecoj de Oomoto estas, ke ĝi estas klasigebla en neniu el ili, sed ĝi sin bazas sur ĉiuj tri. Se nun temas pri tio ĉi,ni ne povas atingi la plenan kompreniĝon pro manko de la tempo. Tial, mi ŝanĝas la temon, montrante ĉi tiun fotografigitan afiŝon, kiu prezentas la modelon de la sanktejo. Ĝin Oomoto intencas konstrui laŭ la tradicia arkitekturo. Ĝi estos nova sanktejo en urbo Ajabe, gubernio Kioto. En tiu sanktejo oni apoteozos dion de la universo. Kiam tiu ĉi sanktejo estos finkonstruita, ni deziras vin inviti kune kun aliaj gesamideanoj por havi internacian konferencon kaj aliajn aferojn. Memkompreneble, ne nur la esperantistojn, sed ankaŭ eminentajn gvidantojn de diversaj religioj ni volas inviti por serĉi la vojon efektivigi la mondopacon.

**Zamenhof :** Ĉu vi jam startis konstrui ĝin?

**Deguchi :** Jes, ni jam komencis la bazan parton.

**Macumoto :** Ĉiuokaze, 5 jarojn poste Oomoto havos cent jarojn de sia fondiĝo samkiel ĉi-jare ni festas la centjaran jubileon de Esperanto. Do, mi propre esperas, ke tiam estos la Universala Kongreso de Esperanto en Ajabe.

**Deguchi :** Kvankam tiu temo estas interesa, sed ni ĉiuj devas baldaŭ poste atingi la kongresejon, kie atendos nin sinsekve okazontaj programeroj. Do, mi finas nian interparoladon. Mi multe dankas d-ron Zamenhof, havinte tiel belan okazon interparoli kun vi. Kaj s-ron Macumoto, kiu variigis nian interparoladon, mi aparte dankas.

**Zamenhof :** Koran dankon ankaŭ pro via akcepto, kaj ni havis vere interesan kaj plaĉan diskuton.

# La verda komisarejo




## OFICIALA KOMUNIKO

Membroj de la lingvodefenda taĉmento "Verda Stelo" arestis dum la lastaj semajnoj la lingvoteroristojn, kies cirkonstancaron oni povas koni pere de la ĉi-subaj linioj.

DISTRIKTO DE "ESPERANTO", n-ro 974 (2)

La t.n. DE, kiu uzurpas la oficon de s-ino DA en la 22ª linio de la maldekstra kolumno de la paĝo 21.

La t.n. REDUNDE, kiu estante en la unua linio de la maldekstra kolumno de la paĝo 37 ne kapablis pruvi sian identecon.

SAMA DISTRIKTO, n-ro 975 (3)

La t.n. AMATAJ, kiu aŭdacas sin ornami, tute kontraŭleĝe, per la finaĵo "n" en la 22ª linio de la maldekstra kolumno de la paĝo 41.

La t.n. KRUĈIĜIS, kiu uzurpas la postenon de s-ro KRUCIĜIS en la 22ª linio de la dekstra kolumno de la paĝo 42.

La t.n. SIA, kiu uzurpas la rolon de s-ino ĜIA en la 21 linio de la dekstra kolumno de la paĝo 47.

La t.n. KIUN, kiu uzurpas la metion de s-roj AL kaj KIU en la 52ª linio de la maldekstra kolumno de la paĝo 49.

La t.n. PRI, kiu tute neleĝe deĵoras en la 14ª linio de la dekstra kolumno de la sama paĝo kaj malhelpas, ke gesinjoroj GRANDA kaj PATRO portu la devigan finaĵon "n".

La t.n. AL, kiu uzurpas la profesion de s-ro SUR en la 21ª kaj 22ª linioj de la maldekstra kolumno de la paĝo 51.

La t.n. ORGANIZITA, kiu aŭdacas paradi per la tute nenecesa finaĵo "n" en la 11ª linio de la maldekstra kolumno de la paĝo 52.

La t.n. REDAKTAJ kaj LABOROJ, kiuj kontraŭleĝe sin ornamas per la finaĵo "n" en la linioj 16ª kaj 17ª de la meza kolumno de la paĝo 58 kaj malpermesas, ke s-ro PER deĵoru post s-ro KONTRIBUIS.

SAMA DISTRIKTO, n-ro 976 (4)

La t.n. ESTIS kaj KE, kiuj duonkaŝe penas inokuli francllingvan spiriton al la 48ª linio de la maldekstra kolumno de la paĝo 63.

La t.n. JUĜIS, kiu uzurpas la rolon de la paro ALJUĜIS AL en la 13ª linio de la dekstra kolumno de la paĝo 66.

La t.n. PLU, kiu uzurpas la oficon de s-ro PLI en la 22ª linio de la maldekstra kolumno de la paĝo 68.

La t.n. KOREIO, kiu uzurpas la metion de s-ro KOREO en la 8ª linio de la maldekstra kolumno de la paĝo 73.

La t.n. PREMI-GRUPOJN, kiu uzurpas la postenon de s-ro PREMGRUPOJN en la 11ª linio de la samaj kolumno kaj paĝo.

La t.n. SIA, kiu uzurpas la laboron de s-ina ILIA en la 20ª linio de la samaj kolumno kaj paĝo.

SAMA DISTRIKTO, n-ro 977 (5)

La t.n. KOMPUTILA, kiu jen en tiu ĉi formo, jen kiel parto de pluraj kun-

(daŭrigo sur la paĝo 13)

# Niaj Geamikoj el....

## ...Bulgario

### LA FONTANO DE BLANKPIEDULINO

(LEGENDO)

En vilaĝo Biserĉa naskiĝis junulino Gergana; kiel ŝafido bonkonduta, kiel perlo inter vitroglobetoj, ŝi estis inter la junulinoj. Kun sia amato, unua inter junuloj.

Gergana kaj Nikola similas unu al la alia, kiel du floroj primolaj. Ambaŭ ili junaj, unu por la alia naskitaj, unu je la alia enamiĝintaj fidele.

Unu matenon, Gergana iris al la fontano por ĉerpi puran akvon. Ŝi freŝan bukedon kolektis kaj sur sian frunton metis. Ŝi levigis portostangon sur ŝultron kaj al la ŝprucejo iris. Tie ŝi renkontis veziron. Li antaŭ tendoj sidis kaj al Gergana rigardis, mirante: De kie tiu beleco en la vilaĝo estas ? Rigardis li ŝin, rigardadis li kaj sia koro ekhavis deziron. Li alvokis Gerganan kaj al ŝi diris:

– "Bulgarino, juna knabino; kial vi tiel frue venis al la ŝprucejo ?"

– "Frumatene, "Ago", mi venis ĉerpi freŝan akvon malvarman, ĉar mi volas frue fini mian domlaboron".

–"Vi devas veni kun mi – diris la veziro – blanka, bela bulgarino, kun mi en urbon Istanbulon".

– "Mi ne povas lasi miajn gepatrojn, mian domon, mian florĝardenon kaj patrolandon".

– "Kial vi estas tiom stulta ? Nur kunsentu vi, kun mi en Istanbulon veni. Tie vi vidos, kio estas beleco kaj abundeco!"

– "Pli poste, "Ago", se vi ne scias, sciu. Mi faris juron al mia unua amato, Nikola. Unua edzo li estos".

– "Kiom malklera kaj senprudenta vi estas. Kio estas via amato antaŭ mi kaj antaŭ mia regno ?"

– "De mia vivo vi estas dommastro, sed de mia volo, ne !



Sen volo dommastro signifas "dommastro de morta koro malvarma".

Konsternita restis la veziro, pro granda kredo je la amo de Gergana. Li liberigis Gerganan kaj liveris al ŝi multe da donacoj. Poste, por rememoro li ordonis, ke la ŝprucejo fontano fariĝu.

La masonistoj fontanon komencis konstrui kaj oni Gerganan enmasonigis. Pro tio ŝi malsaniĝis kaj mortis. Nikola, fidela amanto, frue en mardo vizitis la fontanon. Longe li ploris, sed en sian domon li ne revenis. Kaj ĝis nun oni lin ne trovis. Oni aŭdas ofte nur profunde lian "caparon" (ludilo) ludi kaj resoni obtuze, kiam aperas sur la tombon Gergana, sur la fontano sidanta, sub la luna lumo ŝpinanta.

Tradukis: ELENA KOVAĈEVA



...Japanio

K O N F E R E N C O

Karaj Geĉeestantoj:

Por mi estas granda honoro, ke mi ĉi tie, en Tokio, povas gratuli la 36-an Esperanto-kongreson de la regiono Kantoo.

La Kantoo-kongreso havis lokon tre malofte en ĉefurbo, des pli la nuna estas signifoplena. Estas evidente, ke ĉi tiu kongreso vere koincidas kun la Jubileo de Esperanto, kies fondinto estis D-ro Zamenhof. Antaŭnelonge mi eltrovis unu el liaj leteroj, kiun li adresis al la japanaj esperantistoj la 29-an de Julio 1907, nome antaŭ 80 jaroj.

"Ĉar mi konas kaj tre alte estimas la energion kaj la noblan spiriton de via popolo, tial mi estas konvinkita, ke nia homfratiga afero baldaŭ forte ekfloros en via lando, kaj la Japanaj Esperantistoj baldaŭ estos plej konataj en la mondo esperantista".

Nur unu parto de la letero estas citita, sed mi povas admiri lian akravideon pri la estonteco de la japana Esperanto-movado. Tamen, rimarkindaj estas la jenaj du du vortoj: "homfratiga afero". Ĉi tiuj vortoj instruas al ni, ke la Esperanto-movado estas esence socia movado.

Estas konstateble, ke esperantistoj serĉis kaj serĉas la eblecon ne nur lerni, propagandi internacian lingvon, sed ankaŭ pritrakti komunajn problemojn, kiuj temas pri la bonfarto de l'homaro.

Iuj politikistoj malamis la propran karakteron de la Esperanto-movado. Hitler juĝis la lingvon Esperanton danĝera pro juda intrigo; kaj Stalin, lingvon de burĝaj kaj etburĝaj kosmopolitoj. Esperanto estis tiutempe malpermesita en ambaŭ landoj, faŝisma Germanio kaj hegemonisma aŭ prestiĝisma Sovet-Unio. En alia landoj, inkluzive de Japanio , la



regantoj plenumis rilate al Esperanto malafablan politikon. Historiaj faktoj montras,ke ĉie en la mondo dum kelkaj jaroj la Esperanto-movado sufokiĝis aŭ tre stagnis.Komprenebla, ankaŭ du grandaj mondmilitoj malprogresigis aŭ ruinigis la Esperanto-movadon.

Sed tamen, Esperanto ne mortis. La vivpovo de Esperanto montriĝas en tio,ke la Esperanto-movado estas movado de profunde humanisma homfratiga inspiro, kiu firme kontraŭas al faŝismo, hegemonismo kaj militarismo.

Nun, karaj gesamideanoj, antaŭ ni efektive staras centjara datreveno de la fondiĝo de Esperanto. Kaj ni povas konstati, ke Esperanto bonsukcesis kiel lingvo. Ankoraŭ restas problemo: kiamaniere ni povos pli sukcese disvastigi Esperanton. Ni, japanaj esperantistoj devas, disvolvante la tradicion de la pasintaj pli ol 80 jaroj de la japana Esperanto-movado, klopodi por la daŭra disvastigo de nia lingvo.

Profitante de ĉi tiu okazo, mi esprimas gratulon kaj samtempe kore deziras, ke la centjara jubileado de Esperanto fariĝos granda festo de solidareco inter la homoj en la tuta mondo.

Koran dankon al ĉiuj geĉeestantoj !

La 21-an de Junio, 1987. Profesoro Taro Niŝiumi, prezidanto de Kongreso

RIMARKINDAĴOJ PRI LA SOCIA KAJ KULTURA CIRKONSTANCOJ DE LA ZAMENHOFEPOKO

Polaj ribeloj 1830-1831 kaj 1863-1864. Demografio de Pollando. Epokoj de la moderna pola literaturo: Romantismo, Pozitivismo kaj Realismo kaj Neoromantismo.

Romantismo —— Mickiewicz "Pan Tadeusz"

Influo de la Januara Ribelo de 1863 —— La periodo de la "Praca organiczna"(Organiza laboro), kaj ties filozofio "Pozitivismo".

Eminentaj reprezentantoj de la pozitivismaj verkistoj: Prust, Orzeszkowa kaj Sienkiewicz, kiuj estis ne nur pozitivismaj, sed ankaŭ realismaj... Pozitiva kaj negativa flankoj de la pozitivismo.

Konataj pozitivismaj eseistoj: Swietochowski kaj Chmielowski kontraŭ romantistoj kaj realistoj. Sed Prósznski kaj Brzeński batalis kontraŭ obskurantismo.

La Pozitivisma Epoko koincidas kun la Imperiisma Epoko de la historio. Epoko de la pola industria revolucio. Batalo inter la klasoj kapitalisma kaj laborista.Zamenhof kaj la rusa poeto Nekrasov. Naskiĝo de verkista grupo nomata "Juna Pollando"; reprezentanto estis Przybyszewski.

Kelkaj klarigoj pri la realismaj verkistoj: Prust "Pupo, en pola lingvo Lalka, 1887" Noveletoj priskribis detale la vivon en Varsovio. Orzeszkowa "Marta, 1873" elmetis gravan problemon pri la socia pozicio de la virinoj. "Anaro de la ŝipo Argo", kritiko severa de la burĝa socio kaj la unusola celo de ties heroo: gajni monon. Sienkiewicz, Nobel-premiita verko "Quo vadis", t.e. "Kien vi vagas ?" Pli fruaj verkoj: "Karbokrajona

skizo", "Janko muzikisto", "Bravulo Bartek" kaj "Serĉi panon" kontribuis al la progreso de la realismo. Maria Konopnicka, amikiĝinte kun malriĉuloj, siaj lirikoj fariĝis ofte popolkantoj. Samtempe naskiĝis la fame konata "Varŝavianka".

Unuaj jaroj de la 20-a jarcento, epoko de la plena imperiismo. Speciala stato de Pollando; alfrontiĝas tie Rusio kaj Germanio. La unua rusa revolucio. Politikaj ĝenerala striko kaj lerneja striko. Epoko de neoromantismo. Stefan Zeromski kaj Wladyslaw Reymont.

Zeromski, "Senhejmaj homoj"... fornegolaboristoj, tabakfabriklaboristinoj. Tragedio de la heroo de la romano, izolita, intelektulo. Li, Zeromski, estis ĉiam pesimismema, sed la revolucio influis forte sur li. "Vorto pri agrotaglaboristoj", k.t.p.

Reymont, "Tomek Baran", "Morto", malluma vivo de la kamparano. Kaj "Promesita Tero," kies scenejo estas la urbo Lódz, morale degenerinta burĝaro. Fame konata ĉefverko: "Kamparanoj", montras grandan panoramon de la kampara vivo. Kiedzwiecki kaj la pola proletara literaturo. Sed rimarkindaj estis skribaĵoj de veraj revoluciistoj: Julian Marchlewski, Róza Luksemburg kaj Feliks Dzierzyński "Leteroj el malliberejo".

Prelegis Tarô Niŝiumi dum la Kongresa Universitato okaze de la 74-a Kongreso de japanaj esperantistoj, la 30-an de Aŭgusto 1987.



(daŭrigo de la paĝo 9)

metitaj vortoj, svarmas en la paĝoj de tiu ĉi ekzemplero uzurpante la profesion de s-ino KOMPUTERA.

La t.n. ILI, kiu ne alkuris dejori post s-ino DA en la 16a linio de la maldekstra kolumno de la paĝo 99.

La t.n. ĜI, kiu ne iris dejori inter s-roj KE kaj ESTAS en la 33a linio de la interna paĝo de la posta kovrilo.

SAMA DISTRIKTO, n-ro 978 (6)

La t.n. ESTAS kaj KE, kiuj kaŝmaniere intencas inokuli franclingvan spiriton al la teksto de la 17a, 18a kaj 19a linioj de la suba parto de la maldekstra kolumno de la paĝo 102.

Post unutaga restado de la supre menciitaj deliktuloj en la PIV ( Punaj Instalaĵoj por Vortfuŝistoj), oni finpunis ilin frapante iliajn vertojn po kvin batojn per la kvin pintoj de la verda stelo kaj oni tuj poste liberigis ilin.

Esperburgo, la 6an de aprilo 1988

LA ĈEFKOMISARO,

Al Zibjades

# KUIRANTE KUN PILAR

## TOMATOJ STUFITAJ

INGREDIENCOJ: 6 tomatoj.
60 g. da butero.
1 kulero da faruno.
1/4 l. da akvo.
farĉajo.
salo kaj pipro.

---

Lavu kaj sekigu la tomatojn. Detranĉu la suprajn partojn kaj elprenu la kernojn. Plenigu ilin per la farĉajo kaj kovru per la tranĉitaj suprajoj.

En kaserolo fandu buteron, enmetu la tomatojn kaj stufetu dum 20 minutoj.

Elprenu la tomatojn, aldonu la farunon, miksu bone.Iom post iom aldonu la akvon, salon kaj pipron.

Verŝu la saŭcon sur la tomatojn.

BONAN APETITON !